# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Aŭgusto-Septembro 2001 72-a jaro, n-ro 8-9 (1154-5)

ISSN 1163.0442

MENSUEL/MONATA

http://www.multimania.com/satesperanto/ *** retadreso: satesper@noos.fr

**Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**




Parto el la kongresanoj atendante komunan fotadon

# SUKCESE FINIĜIS LA 74-a KONGRESO DE S.A.T.

## La unuajn informojn vi povas legi en ĉi tiu numero.



Urbestro de Nagykanizsa dum la solena malfermo

**75-a KONGRESO DE S.A.T. JULIO 2002 EN ALICANTE**

**SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI**

## EL LA REDAKTEJO....

*Karaj gekamaradoj,*

*En Nagykanizsa okazis tre grava kaj sukcesa 74-a kongreso de SAT, kiu rezultis per same gravaj decidoj. Bonvolu legi la Deklaracion kaj Gvidrezolucion en tiu ĉi numero. La subteno al nia agado venis ankaŭ de la eksa kaj la nova prezidantoj de UEA, Kep Enderby kaj Renato Corsetti, kiuj konscias pri la rolo de SAT, kiel neneŭtrala E-asocio, en la aktuala mondo. La detalan laborprotokolon vi povos legi en la oktobra numero de Sennaciulo.*

*Do, nun ek al laboro. Ne restu inertaj sed agu kun SAT. Pri ĉiuj niaj agoj kaj rezultoj vi legos en Sennaciulo. Same ni atendas de vi ĉiuj, kunlabori ankaŭ en nia organo kaj inviti viajn konatojn kaj geamikojn aliĝi al SAT. Por nia agado ni bezonas membrojn, kaj nur forta SAT povos esti efika.*

*Esperante ke tiuj miaj vortoj ne restos nur surpaperaj sed trovos eĥon ĉe ĉiu el vi, mi kamaradece salutas vin ĉiujn.*

*Via Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesper@noos.fr.
TTT-paĝoj: http://www.multimania.com/satesperanto
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - Y. Peyraut, P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Krešimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Yves PEYRAUT
Abonnement annuel/jara abono, France: 336 FRF aŭ 51,70 ,
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.
**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

# *Kongresa Filmo*

Jen ĉi tie kelkaj fotoj el la Kongreso de Nagykanyzsa. Ĉiujn kongresajn fotojn el tiu ĉi numero realigis nia kamarado Renato Bouchet.



*Serioza traktado de la SAT-agado dum la laborkunsido. De maldekstre: nia kasistino, k-dino Tereza Sabatier, k-do Yves Peyraut, k-do Gilbert Ledon (taga prezidanto) kaj k-do K. Barkoviĉ.*



*Ni dankis al la urbestro de Nagykanizsa pro granda helpo kiun li donis al la OKK*



*Atentemaj aŭskultantoj: k-dino S. de Weert, k-doj Schram kaj Gudskov*



*Niaj japanaj gekamaradoj, Yamasaki kaj Tahira aktive partoprenis la kongreson.*



*Tre serioza kaj detala respondo al la same serioza demando*



*La folklora grupo ne nur defilis sed ankaŭ belege dancis*



*Belaj junulinoj el la amatora grupo de Nagykanizsa regalis nin per siaj dancoj*



*La prezidanto de la P.K. estis ofte intervjuita kun helpo de k-do Tibor Szabadi.*

### ATENTIGO AL NIAJ KUNLABORANTOJ

Ni petas ĉiujn niajn kunlaborantojn sendi al ni siajn tekstojn ĉu per la reto en la formato de teksto aŭ sur la disketoj en la formatoj de Word, Apple (Claris)Works, aŭ prefere en la formato RTF. Bonvolu nepre tajpi viajn tekstojn per la sistemo x (cx = ĉ, sx=ŝ ktp) ĉar tio ebligas al ni facile transformi la tekston en normalan Esperanton. Dankon.

La Redakcio

# NOVA ETAPO EN LA VIVO DE SAT

Kiam nia Kreŝo Barkoviĉ petis de mi skribi tiun ĉi artikolon, mi estis iom ŝokita. Tradicie, tiu postkongresa artikolo devenas de unuakongresinto, novbakito en la fako «kongreso de SAT». Ĝi kompreneble rakontas ne pri la kongresa kerno, sed pri etoso, prelegoj, distraĵoj kaj ekskursoj, eroj, kiuj fakte tre gravas en opinio de novkongresanto. En tiu rolo, mi ĝuste tre maltaŭgas kaj estas timigata de tia maladekvateco mia.

Mi eĉ ne malkovris la landon, ĝenerala kondiĉo



*Hungara folklora grupo distris nin tre agrable*

de unuakongresanto kaj mi povis - sed silentu pri tio! - ekzerci mian hungaran lingvon kaj eĉ retrovis studenton, amikon Ŝandor kiun mi iam konis en Debrecen-o (urbo en la orienta parto de Hungario) en 1975 aŭ 1976, nun loĝantan en Aŭstralio kaj tie animigantan la E-movadon.

Mi ne partoprenis en tiuj aranĝoj, absolute necesaj por sukceso de niaj kongresoj, bedaŭras tion, sed diros de ekstere kelkajn vortojn eventuale tre kritikindajn, ĉar kiel juĝi aferojn, en kiuj mi tre malmulte partoprenis.

El loĝa kaj nutra vidpunktoj, ni ĝuis sufiĉe bonajn kondiĉojn malgraŭ «normalaj» surprizoj, kiam ni eksterlande troviĝas. Ni konservu tiajn «malagrablaĵojn», ĉar se ni estus en perfekta organizado, kiel ni povus klaĉi kontraŭ tiuj strangaj «moroj» kaj kutimoj?

La kultura programo estis aparte riĉa: interkona vespero, prelegoj, landaj dancoj kaj kantoj. Mi fakte ŝategas hungaran kaj tiuregionan folkloron. Mi ĉeestis ankaŭ prelegojn de Kep Enderby pri sennaciismo kaj de Juan Ramon pri Kubo, sed bedaŭre maltrafis tiun de Renato Ballaguy kaj Anjo Amika pro samtempa kunveno.

Ekskursa programo enhavis vizitadon de urbo Nagykanizsa (bela vizitinda urbo), de nagykanizsa fabriko de mebloj, en kiu ni konstatis ne bonajn laborkondiĉojn pri sekureco kaj popecan kaj potempan salajron) foreston de sindikato en tiu germana entrepreno kaj ekskursojn al Balatono (interna maro diras hungaroj), kiujn bordojn invadas hungaroj kaj nehungaroj, kaj al Budapeŝto, tiu belega ĉedanuba ĉefurbo. Mi ne dirus «Vidi Budapeŝton kaj morti» sed kvazaŭe!

Oficialan inaŭguron kaj fermon de nia kongreso ĉeestis urbestro de Nagykanizsa, kies urbaj servoj multe kontribuis al starigo de la kongreso. Danki nian Kamaradon Tibor Szabadi kaj la tutan teamon ĉirkaŭantan lin fakte estas nia devo.

Sed kiel diris Ivo Peyraut en intervjuo al Pola radio, tiu kongreso tute gravis, ĉar ĝi markis esence, fundamente laŭ mi, novan etapon en la historio de SAT kaj pri tio mi deziras skribi. Ni konsciis kaj akceptis unue realecon. Tiun kongreson partoprenis ĉirkaŭ 170 partoprenantoj el 27 landoj de la kvin kontinentoj; ne estis do tre impona kongreso kaj tio speguligas la regulan pasintan malkreskon de nia asocio.

En pasintaj kongresoj, ni devis bedaŭri mankon de junuloj, sed ankaŭ emon remaĉi kelkajn estintajn historiajn faktojn neligitajn al nuneco kaj malhelpintajn taŭgan konsideron de nuntempa historio. En tiu kongreso, tute ne. Venis pli da mezaĝuloj kaj eĉ junaj membroj, ne kutime kongresintaj. Ili transformis la pasintajn diskuttemojn en veran diskuton pri nunaj problemoj. Kreiĝis vera etoso de kunlaboro inter ĉiuj membroj kaj ni (re)trovis tre grandan fratecon kaj respekton de aliuloj. Ĉiuj aparte kaj zorge atentis ne vundi alian per vanaj kaj fine stultaj atakoj, kiuj povus detrui nian deziron kunkonstrui. Ĉiuj konsciis, ke SAT bezonas ĉiun el ni, ne nur kotizon, sed ankaŭ laboron kaj ŝaton labori por SAT.



*En la memblofabriko de Nagykanizsa*

Neniu estas superflua, ĉiu indas per siaj ideoj kaj laboro.

Pro kaj per tiu spirito, ni kreis novan etoson, en kiu okazis eventoj. Mi menciu:

- La tradiciaj kunvenoj de la liberecana frakcio transformiĝis en ian simpatian forumon, en kiu ni ja diskutis pri la funkciado de la Frakcio, sed ankaŭ kiel antaŭenirigi progreseman agadon en la nuna mondo.

- La reapero de sennaciisma frakcio, en kiu retroviĝas liberecanoj, komunistoj, progresemuloj, senfrakcianoj.

Fino paĝo 116

La Proponkomisiono, konsistanta el kamaradoj Vincent Charlot, Ga[illegible] Mickle[illegible] [illegible]akvo Schra[illegible] kunvenis trifoje kaj proponas jenajn tekstojn al la 74a Kongreso de S[illegible]nacieca As[illegible]cio Tutmonda:

## Deklaracio de la 74a Kongreso de SAT

La 74a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda, okazinta en Nagykanizsa (Hungario) de la 14a ĝis la 20a de julio 2001, kaj ariginta 176 homojn el 27 landoj de la kvin kontinentoj deklaras:

La Kongreso konstatas, ke en la nuna mondo regas pli kaj pli liberala tutmondiĝo trudata de grandaj kapitalismaj entreprenoj.

Tiu tutmondiĝo kondukas al profundiĝo de abismo inter riĉaj kaj malriĉaj tavoloj de la monda loĝantaro, ĉu en „riĉaj" landoj, ĉu en „malriĉaj"landoj.

Ĝi instigas al pli granda ekspluatado kaj al sklavigo de infanoj kaj virinoj.

Ĝi plipezigas la ŝuldoŝarĝon sur la malplej riĉaj landoj, tiel malebligante ties ekonomian kaj socian disvolviĝon.

La Kongreso apogas klopodojn kaj batalojn kontraŭ la novliberalismo kaj kruda kapitalismo.

La Kongreso kondamnas la politikon de tiuj eŭropaj registaroj, kiuj starigas novan feran kurtenon inter la okcidenta kaj orienta Eŭropo kaj la landoj de la t.n. Tria Mondo per enkonduko de vizaj reĝimoj kaj limigo de reciprokaj vizitoj de civitanoj el diversaj landoj.

Ĝi kondamnas la ekziston de mortopuno en multaj landoj.

Ĝi kondamnas ĉiujn subpremojn kontraŭ etnoj kaj popoloj kaj ankaŭ ĉiajn naciismojn.

Ĝi kondamnas false demokratiajn reĝimojn kaj iliajn kontraŭlaboristajn agadojn kaj kontraŭstaras abolon de festotago de la 1a de majo.

La Kongreso subtenas ĉiujn tutmondajn organizojn, kiuj nun senperforte staras kontraŭ ne demokrate elektitaj grupoj (Monda Banko, Internacia Mona Fonduso, ktp.). La Kongreso kondamnas la strebadon regi nian mondon je la profito de kelkaj riĉaj tavoloj de ĉiuj popoloj.

# NOVA ETAPO EN LA VIVO DE SAT

daŭrigo kaj fino

- La kongreso solvis problemojn pri sentita diskriminacio kontraŭ iuj membroj de la asocio (komunistoj aŭ kristanoj...).

Ĉu tiu nuna etoso signifus forlason de niaj firmaj konvinkoj kaj ideoj? Tute ne, eĉ male, kaj la kongreso montris tion:

- ĝi per granda plimulto rifuzis aliĝon de SAT, de redaktoro de Sennaciulo aŭ Sennacia Revuo al la Esperanta Civito, ĉar ĝi rifuzis ian ajn cedon de nia sendependeco kaj libereco.

- ĝi postulis en siaj rilatoj kun alia organizo de la E-Movado respekton de sia propra granda rolo. SAT estas la plej granda progresema organizo en la E-Movado kaj ni ĝojas, ke UEA agnoskas nian apartan rolon, kiun ĝi ne povas plenumi pro sia neŭtraleco.

- ĝi animigas la E-Movadon per sia klera kaj kleriga agado kaj kontribuos al agado de la tuta E-Movado, kiel jam substrekis interalie K-doj Kep Enderby kaj Renato Corsetti.

Pro tiu etoso, ni povis direkti nin al la ekstera mondo kaj koncepti agadon ĉekape de kaj kune kun aliaj progresemaj E-organizoj, samkiel kun neesperantaj organizoj:

- SAT batalas kontraŭ la mortopuno kaj alvokas partopreni ĉiujn agadojn sur tiu tereno, kaj aparte agadas por savi vivon de nia K-do Billy Waldon (Sekvojo).

- ĝi alportos laŭ siaj ebloj moralan kaj konkretan subtenon kaj solidarecon al homrajtaj organizoj kiel Amnestio Internacia.

- ĝi alvokas pace kaj firme partopreni en manifestacioj kontraŭ liberala tutmondigo kaj kondamnas agresojn kontraŭ laboristoj kaj junuloj far reganta kapitalismo.

Permesu al mi fine de tiu artikolo de ne-unuafoja kongresanto skribi, ke mi certas, ke per tiu nova vojo de ni starigata kaj konstruata, SAT trovos savigan elkriziĝon kaj rekreskos tra la mondo!

Vincent Charlot
n°34.828

## Gvidrezolucio de la 74a Kongreso de la Sennacieca Asocio Tutmonda

La Kongreso salutas la pliviglîĝon de la Ĝenerala Konsilantaro kaj gratulas ĝin kaj ĝian sekretarion pro ĝia agado.

Ĝi konsideras, ke la ĜK devas plenumi siajn laŭstatutajn taskojn. Ĝi ankaŭ taskas la ĜK-on resumi diskutojn, konkludi el ili kaj konsili la PK-on.

Ĝi gratulas la redaktoron de Sennaciulo pro kvalitaltiĝo de S-ulo,

Ĝi alvokas ĉiujn SAT-anojn sendi artikolojn kaj informojn al SAT, kontribui al plurismo kaj opinidiverseco en Sennaciulo kaj Sennacieca Revuo.

La Kongreso konsideras,

a) retaliron

b) kapablon uzi retpoŝton

gravaj faktoroj de kunlaboro en la PK, la ĜK kaj la Konfliktkomisiono. Ĝi alvokas al solidara helpemo de SAT, por ke la elektitoj disponu pri tiuj rimedoj.

La Kongreso alvokas ĉiujn SAT-anojn retanojn aliĝi al la SAT-Diskuto,

La Kongreso substrekas la neceson, ke frakcioj novaj kaj malnovaj plivigligu sian agadon en la propra medio.

La Kongreso admonas ĉiujn instancojn de SAT respekti la Statuton de nia Asocio.

La Kongreso konsideras, ke la problemo de la Publika Letero de PK al KEK jam tro damaĝis al la Asocio. Por ke repaciĝu la interna etoso de SAT, la Kongreso nuligas la nestatutajn postulojn al membroj de SAT entenitajn en tiu letero.

Ĝi memorigas pri la graveco de la biodiverseca agado de AVE kaj TANEF.

La Kongreso gratulas pro la agado plenumita komisie de la PK kaj alvokas ĉiujn SAT-anojn konkrete agadi tra la mondo kontraŭ novliberalisma tutmondiĝo. Ĝi instigas al paca partopreno en manifestacioj nome de SAT. La kongreso aprobas la kreon de laborkomisiono kiu ellaboros materialon necesan por tiu partopreno.

Ĝi aprobas la partoprenon de la PK en la konferenco kontraŭ la mortopuno kaj instigas ĉiujn SAT-anojn engaĝiĝi en agado celanta abolon de la mortopuno kaj aparte alvokas savi la vivon de kamarado N. I. Sekvojo (Billy Waldon) kaj instigas daŭre kontribui al la fonduso tiucela.

Ĝi subtenas la agadon de Amnestio Internacia kaj de neregistaraj homrajtaj organizoj kaj instigas SAT-anojn partopreni en ili. Ĝi ankaŭ alvokas plene subteni la Mondan Fonduson kontraŭ Malsato.

Ĝi konfirmas la duan paragrafon de la Gvidrezolucio de la Moskva Kongreso kaj denove sugestas al la LEA-oj, ke ili serĉu kaj trovu rimedojn por efektivigi la proponon de la „Mesaĝo al gvidantaro de UEA kaj LEA-oj ligitaj al SAT" (vidu numeron de Sennaciulo de aŭgusto-septembro 2000)

Ĝi alvokas la SAT-anojn informiĝi pri la diversaj starpunktoj pri la temo „lingvaj rajtoj".

La Kongreso alvokas ĉiujn SAT-anojn retanojn aliĝi al ATTAC-Diskuto (interreta) kaj diskonigi tieajn informojn.

Ĝi mandatas la PK organizi kampanjon por la liberigo de la membroj de PORTOS malliberigitaj en Rusio (vd. dosieron en la januara numero de Sennaciulo 2001 kaj en tiu ĉi).

**NI SAVU SEKVOJO-n !**

Partoprenu aktive en la agado de SAT cele al la savo de la vivo de nia mortkondamnita kamarado.

**Aktivu kontraŭ la mortpuno !**

## El la Mondo

# Manifestacio kontraŭ la Monda Banko.

Barcelono la 24°-n de Junio 2001.21´30 horo

Hodiaŭ je la 12-a horo, en la interkruciĝo de la Gracia Promenejo (Paseo de Gracia) kun la Diagonal Promenejo (antaŭa Promenejo de la Generalísimo Franko) kunvenis pli ol 350 civitanaj organizoj.



La manifestacio estis gvidata de la reprezentantoj de la politikaj partioj kaj la tiel nomataj sindikatoj kun plej granda laborista reprezentado. Sekvis grupoj de enmigrantoj kiuj postulis restado-permesojn en la lando por ĉiuj, kaj aliaj sindikatoj kiujn la ĵurnaloj, favoraj al la ŝtato kvalifikis kiel “radikalaj”, inter kiuj troviĝis la CNT (Nacia Konfederacio de la Laboro). Fermis la longan vicon manifestantoj sen konataj distingiloj, escepte pirataj flagoj (nigraj karaveloj kaj interkrucitaj femurostoj), kelkaj enkapuĉitoj kaj aliaj kunportis frostoĉapojn por ne esti identigeblaj.

Tuj post la starto de la manifestacio kelkaj partoprenantoj kun kaŝita vizaĝo rompis enirejojn de bankoj kaj gluis budojn kaj serurojn.

Estas rimarkinda la agado de la aŭtosekurecaj grupoj kiuj portante ruĝan brakringon, de kiu pendis laŭra bukedeto, kriis ripete kaj unusone (preskaŭ ĝis halucino):”Ne al perforto”, faris kontraŭstaron al la rompistoj de bankaj vitrinoj tiel ke kelkaj el tiuj reprezentadoj de la granda kapitalismo povis gardi senmakulajn sidejojn. La enkapuĉitaj homoj, laŭdire policistoj, respektis fizike la portantojn de laŭro bukedetoj, sed diris stultajn insultojn kiel “pastroj”, ”kristanoj”, ”ĉu al kiuj vi reprezentas?”



La manifestacio alvenis al la sidejo de la Barcelona Borso kiun gardis amaso da policistoj armitaj per ŝildoj, kaskoj, protektiloj kaj lignaj klaboj. Ili aspektis kiel romia armeo. La manifestantoj insultis ilin, sed la policistoj ne reagis.

Kiam la manifestantoj alvenis al la Kataluna Placo, la policanoj atakis ilin plurajn fojojn. Grupoj de policistoj, kiuj estis kaŝitaj en pluraj veturiloj, eliris klabe armitaj kaj detruis Burger King restoracion. Poste tiuj policistoj intencis kapti kelkajn enkapuĉitajn manifestantojn kiuj alfrontis la policistojn. Estis pli ol 20 arestitaj manifestantoj kaj ĉirkaŭ 30 vunditaj bezonis esti kuracitaj. En la momento de la fino de tiu-ĉi artikolo diversaj manifestantoj estas grupitaj en la Kataluna Placo demandante la liberigon de la arestitaj manifestantoj. La polica subpremo daŭras. La sekreta polico identigas ĉiujn kiuj laŭ ĝi aspektas suspektaj, kaj ankaŭ al la jurnalistoj, al kiuj, la policistoj minacis kun aresto se ili fotos ilin.



Oni atendas ke tiun ĉi lundon la Barcelona Borso estus okupota de diversaj grupoj, ĉar ekzistas atakominaco.

Juanjo Crespo (35446)

*Esperantigis Marteno*

# Sekvo de Gotenburgo

Mallonge post kiam la polico pafis kontraŭ aktivulojn en Gotenburgo, vendrede la 15-an de Junio efektiviĝis spontaneaj protestmanifestacioj kontraŭ svedaj ambasadejoj kaj konsulejoj en ok grandaj germanaj urboj, same en Nederlando kaj Svisio.

En Oslo estis pentritaj frapvortoj sur la muro de la sveda ambasadejo kaj en svedaj ambasadejoj ĉirkaŭe en la mondo pligrandiĝis la gardpreteco en la komenco de la sekvanta semajno.

Lunde la 18-an de Junio efektiviĝis manifestacioj kontraŭ la svedaj ambasadejoj inter alie en Berlino, Londono, Madrido, Kopenhago, Oslo kaj Novjorko, kun centoj da partoprenantoj en ĉiu manifestacio.

Merkrede la 20-an de Junio la anarkisindikatista organizaĵo CNT vokis al manifestacio ekster la sveda ambasadejo en Parizo. Ĵaŭde la 21-an de Junio estis nomumita la internacia protesttago, kaj la germanlingva versio de la «Indymedia» admonis siajn legantojn sendi faksojn al svedaj ambasadejoj kaj dronigi la svedan ministrejon de justico per retleteroj.

El «Arbetaren» n. 25/01. (Anarkisindikatista gazeto).

Salutas! P.Persson.

Nia dosiero

# INFANSKLAVKOMERCO

*La tutmonda gazetaro raportis dum la lastaj monatoj pri tiu (unu el la) nuntempa monstraĵo: la sklavigo de infanoj. Pri tiu temo, tri artikoloj atingis la SAT-sidejon, kaj vi trovas ilin ĉi sube.*
*La unua titolas: "Pri infana sklavkomerco" kaj ĝi aperis en la junia numero de "ICEM-ESPERANTO"*
*La dua aperis en la sveda revuo "METRO", sub la plumo de Ulf Nilsson, kaj titolita "Mondigo de la sklavigo de infanoj"* La tradukinto, nia kd-o Pelle Persson, aldonas post-skribon kiu estas invito al reago.*
*Kaj la tria, titolita "Kaj kion faru SAT?"*konsistas el proponoj de nia k-do Jakvo Schram, sekve de la alvoko de Pelle.*

*La redakta komitato*

* titoloj faritaj de la redakta komitato de S-ulo.

## Pri moderna sklavkomerco

La 17-an de aprilo 2001, malnovega niĝera ŝipo provis sensukcese albordiĝi en Gabono. Ĝia nomo : ETIRENO

Ĝi finfine alvenis en Cotonou, ĉefurbo de Benino. Tridek infanoj estis sur la ŝipo. Post enketo, oni konstatis, ke temis pri sklavoj vendotaj.

La afero faris sensacion ĉar amasinformiloj okupiĝis pri tio.

Oni unue parolis pri 250 infanoj amasigitaj sur tiu malnova niĝera ŝipaĉo. 250 infanoj balancitaj inter diversaj havenoj de tiu afrika marbordo. La Etireno albordiĝis en Cotonou, kie la beninaj policistoj malkovris "nur" 23 infanojn (5-14 jaraj) kaj 17 gejunulojn (17-25 jaraj) vivantajn. UNICEF enketis kaj la konkludo estas tia: la infanoj kaj gejunuloj estas viktimoj de sklav-ŝakrado.

## Virinoj estras tiun fikomercon

La problemo interesas preskaŭ ĉiujn landojn de Okcidenta Afriko. La finegoco fariĝis pli kaj pli grava dum la pasintaj jaroj. Ĉie oni trovas mizeron, kiu estas fruktodona humtero por ke disvolviĝu tiu sklaveco.

Benino estas unu el la ĉefaj landoj en kiuj oni povas aĉeti laborontajn infanojn. En la suda parto de la lando, la grundo fariĝas pli kaj pli malriĉa kaj la fiŝoj maldensiĝas. Multaj familioj havas multajn infanojn, kiuj manĝas kaj ne trovas laboron. Tie la ŝakristoj facile agas. Male ili ne "laboras" en la pli riĉaj nordaj regionoj, kie oni rikoltas kotonon kaj tie la kamparanoj bezonas ĉiujn laboristojn.

Estas du manieroj negoci :
- Benin-virinoj, loĝantaj en Gabono, revenas al siaj naskaj vilaĝoj. Oni ilin konas kiel eksvilaĝaninoj. Ili estas riĉe vestitaj. Ili flue parolas pri sia facila vivo en riĉa lando. Oni facile metas sian fidon sur ilin. Ili elkondukas knabinetojn al Gabono, kaj dungigas ilin ĉe familioj, kiel servistinoj.
- La dua maniero estas pli ellaborita. Ekzistas la ĉefŝakristo kaj pluraj manipulantoj. La ĉefa ŝakristo estas preskaŭ ĉiam virino el Benino, loĝanta en Gabono. Kial Gabono ?

Rilate la aliajn landojn, Gabono ŝajnas riĉa. Ĝi posedas petrolputojn. La lando estas politike stabila. Ĝia nacia enspezaro estas granda.

Ĉio komenciĝas kun la rekrutistoj. Devenaj el la beninaj vilaĝoj en kiuj ili agas, ili pli facile mistifikas la gepatrojn, kun belegaj promesoj. "Li (ŝi) estos feliĉa. Li (ŝi) studos kaj fariĝos instruita homo, kiu facile gajnos monon. Li (ŝi) rehejmeniros ofte dum ferioj." Tiamaniere, la gepatroj ne havas la senton vendi sian infanon. Ili plej ofte deziras la bonon al sia idaro kaj ĝin ebligas provi sian bonŝancon aliloke. Du trionoj de la koncernataj infanoj estas knabinoj.

Poste alvenas la trapasigistoj, nomitaj "faciligantoj". Dank'al kompliceco de subaĉetitaj ŝtatoficistoj, ili faras falsajn legitimilojn. Oni kelkfoje ŝanĝas la nomojn de la infanoj, por faciligi ilian iradon al Togolando aŭ Niĝerio.

Tie aperas la akompanantoj, fakuloj pri kaŝitaj transportadoj per altmara ŝipveturado. La vojaĝkondiĉoj estas danĝeraj ĉar la ŝipoj estas ĉiam kadukaj. Multaj pasaĝeroj mortas survoje. Oni forĵetas ilin en la maron.

## En Gabono

La infanoj, kiuj sukcesas alveni al Gabono estas prizorgiataj de aliaj perantoj, agantaj nome de la ĉefa ŝakristo. Ili estas kaŝitaj, sufiĉe longe por sin ripozi, ricevi zorgojn. Oni instruas al ili kelkajn necesajn vortojn de la franca lingvo, kaj ĉefe, al neriproĉinda konduto.

Poste la ŝakristo dungigas ilin en gabon-familioj. Li (ŝi) regule vizitas la familiojn por rikolti la salajrojn de la infanoj. Tiam la afero fariĝas profitdona.



*Infanoj laborantaj en Dakar*

La infanoj laboras en komercejoj. Ili laboras sur kampoj, pri fiŝkaptado aŭ pri mastrumado en la domoj.

Gabono estas nur etapo por multaj el ili. Tuj kiam li (ŝi) povas, la "kuratoro"vendas ilin en Ekvatora Gvineo, en Libano, eĉ en Francio.

En Benino, ĉiuj homoj konsentas pri kondamno de tiu fikomerco. Sed la subpremo estas malfacila. La beninaj leĝoj ne konas delikton pri infanŝakrado. Estas nur teksto pri kontraŭleĝa infandelokigo. Do la "infan-ŝakristoj" po-

vas daŭrigi sian laboron.

Tamen, la benina registaro provas reagi. Fine de aprilo 2001, ĝi alvokis"la internacian komunumon kaj ĉiujn bonvolulojn" helpi por elradikigo de tiu plago, frukto de malriĉeco de la evolulandoj.

La policestro de Cotonou asertas ke, de 1998, pli ol 2000 infanoj estis interkaptitaj antaŭ ol trapasi la landlimojn.

Sed kiom da infanoj sukcesis foriri el Benino?

Kiom da infanoj mortis en la maro?

## Mondigo de sklavigo de infanoj

Kiam tio ĉi estas skribata, malnova kaduka ŝarĝŝipo kun la nomo "Alnar" ĝemante iras laŭlonge de la marbordoj de okcidenta Afriko. Tiu ĉi ŝipo venas ŝarĝita - per sklavoj. En la ŝipo estas 186 «pasaĝeroj»,



*Eta ŝupuriganto en Lima*

multaj el ili estas malsanaj infanoj, venditaj de siaj ege malriĉaj gepatroj, eble po 150.- Kr.

Venditaj - por la senpaga laboro en la kakaokulturejoj, je vipobatoj, subnutrado kaj seksa ekspluatado. Vi ne estus leginta pri la ŝipaĉo "Alnar" dum la lastaj tagoj se ĝi iam ne estus sveda. La sklavŝipo estas ŝarĝita kaj malŝarĝita en Afriko ĉiutage dum la tuta jaro, sed kiu havas zorgojn pri tio?

Anti-Slavery Group (ASG) el Bostono, estas usona bonfaranta grupo kiu specialigis sin pri kontraŭbata-lado de la sklaveco, konstatante antaŭnelonge: NENIAM en la mondo estis tiom multaj sklavoj kiel nun, en la jaro 2001.

Ne malpli ol 27 milionojn da homoj, antaŭ ĉio en Azio, Afriko kaj Latinameriko estas devigataj labori - ofte sub minaco de vivperdo! Ili ne ricevas salajrojn kaj ili ne povas forlasi la laboron.

Granda nombro de la sklavoj estas infanoj

Estas maleble kontroli la ciferojn de ASG eĉ ne pri la nombro de milionoj. Sed la amaskomunikilaj informoj kaj la raportoj de UNo donas apogon por la opinio ke la problemo estas grandega - kaj ke ĝi estas survoje ampleksiĝi! Tricent mil infansklavoj ekzistas sur la malgranda insulo Haito en la Kariba Insularo (kie la malriĉeco estas tiom granda ke ĈIUJ homoj iasence estas sklavoj).



*Sur la publika rubaĵejo*

1.200.- kr. kostas knabo el la «dinka»-tribo en suda Sudano (tie kie Lundin OIL boras kun la aprobo de la eksa sveda ĉefminstro Bildt). Arabtriboj aĉetas la knabon kaj la plej bona kio povus okazi al li estus se la gepatroj rajtus reaĉeti lin por pli granda sumo, elpagota per bovinoj. Por knabinoj estas pli verŝajne ke la adreso iĝos infanbordelo en Kartoumo aŭ Jemeno.

De Hindio kaj Bangladeŝo venas senĉese raportoj pri sklavlaborantaj infanoj, antaŭ ĉio en la teksindustrio. Malio, Angolo, Sudano, Somalio, Ĉadio, Ebur-Bordo, Gabono, Niĝerio, Togo - ĉie «floras» la sklavkomercado per infanoj.

Ugando ne senkaŭze estas karakterizita kiel stabila kaj prospera lando : ĉirkaŭ 10.000 infanoj estis devigataj iĝi parto de la «Rezistarmeo de la Dio», ribelgrupo subtenata de Sudano. La knaboj estas uzataj kiel vivantaj minforigiloj, la knabinoj kiel matracoj.

En Manilo, Filipinioj, ekzistas 40.000 prostituitaj infanoj, en Bangkoko verŝajne same multaj...

Kiel mi jam skribis ĉiuj ciferoj en tiu ĉi artikolo estas malcertaj. Kiu iras al la bordeloj por kalkuli gedekjarulojn? Almenaŭ ne la polico en Manilo. Kiu vizitas la havenon en Benino kaj provas haltigi la sklavkomercistojn? La polico havas aliajn taskojn. Kiel akiri subaĉetmonon por pli bone povi nutri siajn proprajn infanojn.

Tiel aspektas la mondo en la jaro 2001, kiam baldaŭ 150 jarojn pasis post Abrahamo Lincoln en Usono, kaj la abolo de la servuteco en Rusio. La vero estas ke la sklaveco oficiale estas abolita ĉie, sed realece ĝi pli ĝuste pliiĝis ol malpliiĝis.

Mi deziras ke ĉiuj feministoj kaj ĉiuj organizaĵoj por la civitanaj rajtoj lokus plej alte en siaj programdeklaroj la ideon pri absoluta protekto de la infanoj kontraŭ ĉiaj perfortaĵoj. Mi dezirus ke la sveda registaro almenaŭ estus uzanta parton de tiu tempo kiun ĝi uzis kiam ĝi estis sub la lumĵetiloj en EU (tio ne revenos antaŭ dek jaroj) ke ĝi admonu siajn kolegojn batalادi kontraŭ tiu ĉi konkreta kaj indigniga sklavkomercado.

Tiel ne okazis. Kaj la sklavkomercado daŭras.

El «Metro» 2001 - 06 - 20. Ulf Nilsson.

P.S.
Mi ĉiam treege forte reagas indigne kiam mi informiĝas pri perfortaĵoj faritaj kontraŭ infanoj . Mi scias ke mi vere ne estas la sola homo kiu reagas tiel. Mi esperas ke multaj SAT-anoj alprenos al si la taskon defendi la malbontraktitajn infanojn en la mondo.Mi garantias ke SAT ricevos multajn simpatiantojn se tio estus unu el la ĉefaj taskoj por la SAT-anoj! Al solidareco kun la monda malbontraktita infanaro admonas!

P.Persson.

## Kaj kion faru SAT ?

Afero de la junaj virinetoj kiuj malaperis. Estis unu de la plej grandaj skandaloj kiuj okazis en Belgio. La persono, kiun oni akuzas pri murdo de pluraj knabinoj, daŭre, post 5 jaroj ne ricevis proceson, do daŭre atendas punon. La belga registaro deklaris ke ili faros ĉion por ke aferoj kiel tiu de Jullie kaj Melissa, neniam plu okazu. Mi pensas ke ne gravas ĉu rilatas infanoj de ĉe ni aŭ ie ajn el la mondo. Belgio transprenos venontsemajne la prezidantecon de Eŭropa komunumo. Mi pensas ke Pelle pravas kaj ke SAT devas organizi ion (ne forgesu: SAT estas la membroj) kontraŭ sklaveco kaj infanlaboro. Ĉu eble ni el nia rondo povas konvinki samlandanojn, k-dojn, amikojn, pri neceso sendi je certa dato leterojn al la ĉefministro de Belgio kun la peto pritrakti la sorton de infanoj, ĉie en la mondo. Nia unua paŝo povas esti ke ni traduku la tekston, kiun Pelle sendis, al nia loka lingvo. Poste disvastigi la tekston inter grupoj kaj asocioj konataj kiel humanismaj kaj homrajt-defendaj asocioj. Samtempe ni povas peti sendi je certa dato, kiel eble plej multajn leterojn al Ĉefministro de Belgio postulante agadon de Eŭropo en ĉi tiu afero.

Ĉi tiu mesaĝo estas nur la unua paŝo. Ni devas esplori ĉu ni povas organizi kaj disvastigi la tuton. Se ni konstatos ke nur kelkaj k-doj havas intereson, tiam tio ne havas sencon, sed se tamen montriĝas ke ni povas superŝuti la ĉefministron en Belgio per leteroj, mi proponas ke ni agu.

Mi jam komencas traduki la tekston al la nederlanda lingvo. Evidente ne havas sencon ke oni traduku 5 foje en la francan, 2 foje en la germanan, ktp. Anoncu vin kaj diru ke vi pretas traduki kaj al kiu lingvo.

*Kamarade al vi ĉiuj Jakvo*

Ni invitas ĉiujn membrojn kaj progresemajn esperantistojn aliĝi kaj aktive partopreni en la agado de SAT. Ne restu- «neŭtrala» - kiam nia estonto kaj la estonto de niaj infanoj estas endanĝerigitaj.

AKTIVU KUN S.A.T.

# Viaj reagoj....

Gratulon al SAT !
Ni vivigu SAT-ecan kleriĝon !

Nia redaktoro, aparte en la aprila n° 4 (1150) de "Sulo" petas pri nia opinio rilate al la nova SAT-spirito kiu emas esprimiĝi en la lastaj monatoj. Mi tutsimple diras: Gratulon al SAT! Ĉar ŝajnas, ke saniga vento de vere libera esprimado kun enhavo, blovas super SAT. Eble ni nun povas esperi, ke SAT ree enreliĝis sur trakon al sennacieca kleriĝo...

Ankaŭ cenzurado ŝajne estas forpuŝita se mi relegas la artikolon de mia "maljuna frato" Petro Levi, Sulo Jan. 2001 paĝo 10, kiu reagis al mia "provoka artikolo" - "Al mia nepo Sebastiano", Dec. 2000, paĝo 143, kaj konfesas lian bremsitan fortan impulson al "stalinisma" cenzurado, kiel rememorigas "La Kancerkliniko" n° 97 paĝo 19, pri iama SAT-prezidanto.

Jes, mi intence provokis la SAT-anojn citante sintenojn de nia karmemora Barthelmess ĝuste por testi la mensan fermitecon aŭ apertecon, ire al SAT-eca kleriĝo. Kun bedaŭro la reagoj preterpasis mian atendon eĉ se mi ridis pri ili, 11 respondoj (ĝis nun) kie oni taksas min, kiel aĉan homon, klaĉulon, akuzanton, kalumnianton, kretenon, insultanton, k.m.a. Dankon al ĉiuj. Tamen, ankaŭ Tamen (Ternant) bonvolu kun iuj minimumaj atento, objektiveco legi kaj kompreni tion, kion mi skribis. Mi klare esprimis: "...nuntempe oni facile DIRUS..." Mi tute NE "diris, ke... estas...". MI, same kiel vi ĉiuj, scias, ke li ne atakis, perfortis, infanojn ktp. Mi tamen scias, jam, mi mem kiel maljunulo, ke science estas multaj manieroj interpreti la homajn sintenojn pri ĉiuj apartaĵoj. Mi ankaŭ scias, ke ni ĉiuj latente havas ĉiujn homajn mankojn imageblajn ekde la fama samseksamo ĝis certaj skopofilioj (pornecoj), por ne citi aliajn. Mi kredas, ke en SAT, ni povus analizi tiujn aferojn eĉ se ili ne rekte rilatas al la klasbatalo! Kaj rememoru la faman filmon el la 50aj jaroj "Nous sommes tous des assassins" (Ni ĉiuj estas murdistoj), de André Cayatte.

En ĵurnalismo kio valoras estas la faktoj, kaj en ĉi tiu okazo, ĉiuj akordiĝis pri la faktoj kiuj estas: la stranga homo kun mallonga pantalono, la ŝato, proksimiĝo al infanoj, la verkoj pri infanoj. Konstati tion ne estas klaĉo, kalumnio, kreteneco, insulto. Sekve ĉiuj el vi bonvolu atente relegi la difinojn mi petas, kaj strange, ke de vi la kondicionalo ne estis konsiderata. Sendube la psikologoj tion kapablas klarigi ankaŭ pere de iu kulto al personeco, ĉi tie subjektive induktita. Cetere simila fenomeno, ŝajne tre propra al francoj, okazis kun la fama Cohn-Bendit, kiu konfesis "karesojn al infanoj". La revuo "L'Express" raportis pri tio, kaj rebatis laŭ ĵurnalisma etiko. (L'Express n° 2593, 15-21 de marto 2001, paĝo 6).

Ne SAT-eca sinteno estas tiu de Bruno Comentale, kiu eniris la dancon sen scii pri la muziko. Estas ĝuste tio, kion volas la "sistemoj" por trejni siajn "utilajn idiotojn".... gratulon al Bruno! Mi traktis mian pozicion pri samseksemo kaj simile en artikolo kiun mi sendis al LKK por mia rubriko "Preter la kuraco-servo". Ĝi nepre ne taŭgas por "Sennaciulo". Nun punkto-fino.
En mia artikolo "Al mia nepo Sebastiano" mi tamen eraregis ĝuste pri Sebastiano ĉar mi opiniis, ke li estis fervora SAT-ano, sed jen antaŭ ol ĉi tiu artikolo aperis la birdo estis forfluginta.
Sed plej terura, vere katastrofa reago venis el la centra oficejo de UEA kun neimageble faŝisma sinteno per kiu la ĉefa respondeculo ne hezitis inversigi la valorojn kaj taksi min kiel mensogulon por negi, ke ĉi tieaj oficistoj estas fanatikaj naciistoj, kiuj "ordonis" mian foriron el la UEA-domo! La dosiero pri ĉi tiu

okazintaĵo estas ĉe nia redaktoro.
Mi havas, kiel ĉiuj, multajn mankojn sed mensogulo mi ne estas. Mia anarkia mondkoncepto ne permesas ke mi mensogu kaj akceptu mensogojn. Kiel sennaciulo mi ankaŭ ne akceptas kulton al naciismo, al simboloj; manipuladon de homa historio, tial jam en 1957 mi skribis la cititan artikolon pri Santos-Dumont, kiun ĝuste mia amiko (jes amiko) Barthelmess, aperigis en "Sennacieca Revuo" antaŭ preskaŭ 50 jaroj.
For mensogojn! For faŝismon! Vivu la SAT-eca klerigo kaj klerîgo, kiun ni ĉiuj bezonegas.

*Gilbert Ledon (28926)*

**El la Mondo**

# NACIISMO DAŬRE DANĜERA

Pri nefacila historio de la sudslavaj popoloj, pri realaj ebloj por sukcese evolui kaj tre diversaj baroj survoje al tiu celo, pri la fondo kaj kruela likvido de la komuna ŝtato Jugoslavio, la legantaro de Sennaciulo jam bone informiĝis (v. ekz. la tekstojn de la sama aŭtoro en S-uloj 5/89, 7-8/92, 2/93, 3/97, 5/98), sed longe stariĝos la sama demando: ĉu la disiĝo estis evitebla aŭ ne? Kaj se ne - kial ĝi ne okazis pacmaniere? Bonega ekzemplo de la kunvivo de diversaj popoloj certe estis Svislando, aliflanke bona provo de la disa vivo okazis en Ĉeĥoslovakio. La imitindajn ekzemplojn la eksa SFR Jugoslavio ne scipovis sekvi. Ĝi preferis militi. Kiom kulpis la gvidantaro, la reala ekonomia krizo, la fantomo konata kiel naciismo, la ideologio de komunismo, la eksteraj fortoj - eltrovos la historiistoj. Ĉiukaze Eŭropo denove travivis viktimojn, rifuĝintojn, ruinojn. Aperis kvin novaj ŝtatetoj kiuj verŝajne neniam estos ekonomie kaj politike tiom sendependaj kiom fantaziis iliaj kreintoj.

## Por la Serboj la tragedio ne ĉesis

La plej tragikan sorton havis la plej multnombra Serba popolo, kiu ĝis la jaro 1989 tamen sufiĉe bone vivis en ĉiuj regionoj de la eksa SFRJ. Laŭ la ripetaj asertoj de la regantoj en Beograd, Serbio nek provokis nek partoprenis la militojn en Kroatio kaj BkH. Ĝi nur morale subtenis la Serbojn el tiuj du respublikoj kiuj estiĝis viktimoj de la truditaj intercivitanaj militoj, dum la Serboj el Serbio - kiuj komence tamen aktivis en iuj bataloj - estis nur soldatoj en la tiama komuna Jugoslavia popola armeo, kies laŭleĝaj taskoj estis defendo de la ŝtato SFRJ kaj zorgo pri la sekureco de ĝiaj popolanoj. La opinio de ĉiuj pli influhavaj Eŭropaj ŝtatoj kaj Usono ne estis la sama, kaj Serbio estis punita al la longjara vivo sub tre severaj ekonomiaj sankcioj. La solaj rezultoj de la sensenca militado estis nekonata nombro de viktimoj kaj vunditoj, centmiloj de rifuĝintoj kaj rimarkindaj inflacio kaj eĉ malsato de la Serbianoj.



*Kandeloj kaj larmoj por la viktimoj de naciismo*

La eksa prezidento Miloŝeviĉ supozeble ne deziris malbonon al Serbio kaj SFRJ, sed ĉio kion li faris estis memdecida, kaj esence erara (krom kiam temis pri lia propra riĉiĝo). Kaj anstataŭ demokratiĝi almenaŭ la lastan kreaĵon sub la nomo Jugoslavio (federacio de Serbio kaj Montenegro, mallonge SRJ) li daŭre autokrate regis. En la lando multiĝis la policanoj, dum la gazetaro kaj la aliaj informiloj, la universitato, la juĝistaro, la armeestroj - ĉio troviĝis sub la kontrolo de Miloŝeviĉ kaj de liaj obeemuloj. Por povi daŭre lukse vivi kaj senkontrole regi, kaj nepovante plibonigi la ekonomian staton en la lando, la regantoj ĉiam provis elpensi iujn novajn malamikojn.

Intertempe la krizo en SRJ fariĝis sufiĉe serioza, precipe en la regiono Kosovo kie la albana loĝantaro havis signifan plimulton, sed tamen malpli da rajtoj. Pri la tiea stato estis malkontentaj kaj la Serboj (pro nesufiĉa sekureco) kaj la Albanoj. La registoj en Beograd persiste parolis nur pri terorismo kaj separatismo de la Albanoj, dum pluraj Albanoj vere organiziĝis kiel "Armeo por la liberigo de Kosovo".

En la nereala konvinko ke okazaĵoj en Kosovo estas pure interna afero de la respubliko Serbio, Miloŝeviĉ denove eraris. Lia provo de perforta solvado de la krizo en Kosovo provokis tre severan punon de la NATO-alianco. En la jaro 1999 okazis kelkmonata bombardado de ĉiuj militobjektoj en Serbio (parte ankaŭ en Montenegro), sed detruitaj estas krome multaj entreprenoj (ion produktintaj por la armeaj bezonoj), ŝoseoj, pontoj, eĉ pure civilaj objektoj en kiuj la soldatoj klopodis sin kaŝi. La bombardado estis la fina kaj vere forta bato por la ekonomio de SRJ (laŭ iuj pritaksoj la damaĝo povus superi 30 miliardojn da usonaj dolaroj).

La memvola enmiksiĝo de la NATO-aviadiloj neniel estas pravigebla, sed ĝi tamen helpis ke la homoj en SRJ komprenu ke ilia prezidento Miloŝeviĉ - se ne la plej kulpa - tamen ne estas malpli respondeca ol la aliaj por la katastrofo kiun travivis kaj la najbaroj kaj la Serboj mem. Miloŝeviĉ nun estas arestita, kaj li sendube baldaŭ aperos antaŭ la Tribunalo en Hago kiu lin tre serioze akuzas. Ĉiukaze, post lia diktatoreca regado restis tiom multaj problemoj (ŝuldoj, malriĉeco, senlaboreco, krimoj, etnaj konfliktoj...) kiujn la miksita loĝantaro en Serbio (unu triono ne estas Serboj) ankoraŭ longtempe ne povos finsolvi.



*La postmilita vivo de nekulpuloj*

La ĉefa celo kiu dum la pasinta jaro sukcesis unuigi la opoziciulojn en Serbio estis detronigo de la familio Miloŝeviĉ, sed por demokrate kaj sukcese gvidi la ŝtaton la novvenkintoj devos multon lerni kaj rapide agi. La komencaj rezultoj jam estas videblaj (en la ekstera politiko kaj la batalo kontraŭ krimeco), sed ili en multaj sferoj tamen estas tre modestaj. Laŭ la statistiko la meza monata salajro en Serbio egalvaloras al 70 eŭroj, la meza pensio al 60 eŭroj, multaj homoj estas registritaj kiel senlaboruloj (pli ol 800 000) aŭ rifuĝintoj (ĉ. 600 000). Ne estas mirinde ke nun protestas la militaj invalidoj, denove strikas la laboristoj, mankas la elektra energio.

Kaj la ĉefa problemo neniel solviĝis. Kosovo nun troviĝas sub iaspeca protektorato de UN-o. Ĝi eble denove ĝuos larĝan aŭtonomion en la kadro de Serbio, eble fariĝos la tria respubliko en la federacio. Malpli ŝajnas reala ke ĝi fariĝos tute sendependa aŭ parto de la najbara Albanio. Eĉ la laŭetna divido ne plu estas utopia.

Tre zorgigajn etnajn problemojn oni nun pene solvadis ankaŭ en la komunumoj situantaj norde de Kosovo, dum pli bonaj etnaj solvoj baldaŭ estus trovendaj por la multnacia Vojvodino (tiu parto de la lando, same Kiel Kosovo restis sen la aŭtonomiaj rajtoj depost la apero de la stranga reĝimo de Miloŝeviĉ).

La vivon aparte komplikas la rilatoj inter Serbio kaj Montenegro kiuj jam delonge ne estas normalaj. La duono de la Montenegranoj jam laŭte parolas pri la propra ŝtato. En Montenegro oni ne plu uzas dinarojn sed nur germanajn markojn, kaj multaj tieaj Slavoj insistas pri nacia kaj religia diferenco rilate la Serbojn en Serbio. SRJ certe ŝanĝos la konstitucion, sed ĉu ĝi fariĝos duopa aŭ triopa federacio aŭ la federacio malaperos, ne plu dependas nur de la aktuala (laŭdire demokrata) registaro en Beograd.



*Junaj Albanoj*
*(ribeluloj, teroristoj aŭ naivuloj?)*

## Naciaj problemoj de la najbaroj

Koncerne la aliajn respublikojn de la eksa SFRJ - la naciaj problemoj samtiel ne formortis. Seriozaj naciisme inspiritaj incidentoj okazis antaŭnelonge en la Serba regiono de Bosnio-Hercegovino (en Respubliko Srpska, kie la tieaj Serboj malebligas rekonstruon de la moskeoj kiujn ili mem detruis). Ankaŭ la Kroatoj en BkH ne estas tre kontentaj. Nun oni militas en Makedonio kie same disflamiĝis la Albana naciismo (ĉ. 20% de la loĝantaro en tiu respubliko estas la Albanoj), en Kroatio same ne tute malaperis la simila problemaro.

Precipe en Makedonio la situacio povus serioze komplikiĝi.

## Kiel saniĝi ?

La loĝantaro en Balkanio devas fine kompreni ke ĉiuj vivproblemoj estas solvendaj nur per pacaj rimedoj. La armiloj nur komplikas kaj prokrastas la solvon. Kaj al ĉiu homo devas ja esti klare ke neniu nacio povas esti kolektive kulpa aŭ ĝenerale bona aŭ malbona. Inter ĉiuj nacianoj eblas trovi kulpulojn kaj krimulojn (kaj nur tiuj devas respondeci, neniel estas akceptebla kulpigi aŭ per bomboj kaj sankcioj punadi la tutan popolon, kion lastatempe travivis la Serboj).

Post la eraroj en la vivo (la samo validas en la politiko) kutime sekvas severa puno. La prudenta homo el tiaj okazaĵoj sukcesas ion ellerni. Esperu la mondo ke tragedioj similaj al tiu en Balkanio ne plu ripetiĝos. La homoj en la suda Eŭropo dum pluraj jarcentoj nefacile vivis kaj militis. Alvenu jam la tempo de ilia normala, feliĉa kaj paca (kun)vivo. La malsano konata kiel naciismo ĉiam nur malhelpos por tion atingi.

I.Moĉilnik

# DEFENDO DE FELIĈULOJ

*Dum la 74-a kongreso de SAT en Nagykanizsa ni longe traktis la problemon de la defendo de niaj kamaradoj arestitaj en Rusio (vidu la protokolon de la kongreso aperonta en la oktobra numero de S-ulo).*
*Vi trovas ĉi sube :*

*1. La tradukon de la teksto de la artikolo kiu aperis en la rusa gazeto "OBSCHAJA GAZETA" kaj en la franca gazeto "COURRIER INTERNATIONAL: "Putin volas reeduki la rusan junularon".*
*2. La tekston de la artikolo kiu aperis en la junia numero 2001 de PREM-Bulteno (Bulteno de la Popola Rusia Esperanto-movado - LEA ligita al SAT) kaj kiu estis verkita de Nikolao GUDSKOV sub la titolo: "Malfeliĉa sorto de la Feliĉuloj"*
*3. La tekston de la letero sendita rekte de Nagykanizsa al la Ambasadoro de Rusia Federacio en Hungario (hungara traduko akompanis tiun leteron).*
*4. Modelon de letero sendota al la rusa ambasadoro de via lando.*

## PUTIN VOLAS "REEDUKI" LA RUSAN JUNULARON (1)

Ŝajnis ke la politikaj procesoj apartenis al finita sovetia pasinteco. Sed la tempoj rapide ŝanĝiĝas. Dum la aŭtoritatuloj aktivas por lanĉi novajn junularajn organizojn (favoraj al Putin) - kiel "Kune marŝu" aŭ "Juna unuiĝo", en la spirito de la eksaj komunistaj junularaj organizoj, la polico montras ke ĝi ne intencas esti senmova fronte al la agadoj de "neformalaj" grupoj.
Dum la periodo de Jelcin, jam okazis procesoj kontraŭ ekstremistaj (goŝistoj aŭ anarkiistoj) kiuj estis akuzataj pri vandalismo aŭ pri la alvoko al reĝimrenverso. Ĝenerale tio finiĝis per liberigo aŭ prizonpuno kun prokrasto. Sed, de unu jaro, la situacio radikale ŝanĝiĝis.
Naskita dum la "perestrojko" (1985), la junularorganizo PORTOS "rusa akronimo de : «Poeta Unuiĝo por la ellaborado de iu teorio por la universala feliĉo») vivis pace en Rusio kaj en Ukrainio. Kun ilia romantika ideologio memoriganta la utopian francan socialismon, la membroj de PORTOS aperigis gazeton titolitan: "Teorio de la feliĉo por la defendo de la socio". Ili helpis handikapulojn kaj eksajn soldatojn. Ili ricevis inter aliaj, la rekompencojn de plej bonaj bonvoluloj de la ĉefurbo. Ili perlaboris la vivon laborante en kamparaj komunumoj, i.a. en unu fondita komence de 2000 proksime de Moskvo. Junuloj el diversaj partoj de Rusio kaj de la najbaraj respublikoj venis tien. Post la laboro ili muntis spektaklojn, praktikis sporton, informadikon, poezion kaj Esperanton.
Fine de la somero 2000, la sekretaj servoj komencis interesiĝi pri tiu ĉi "kibuco", sed la FSB (eks-KGB) kaj la polico ne povis trovi ion neleĝan. De tiu momento probable iu "informanto" enmiksiĝis. La policanoj serĉis okazon por uzi la forton. Tiu ĉi okazo prezentiĝis en decembro. La gvidantoj de la komunumo ĵus punis 16-jarajn junulojn kiuj fumis kaj trinkis vodkon. Laŭ la statuto de la organizo tio estis "grava peko". Ili estis kondamnitaj ĉu forlasi la farmobienon, ĉu elekti punon. Ili elektis.
- La morgaŭon 30 policanoj atakis kaj kaptis iujn ajn, entute 40 personojn, pro "malbonaj traktadoj kontraŭ neplenaĝuloj". Sub la preteksto de traserĉo ili detruis la instalaĵojn. Sekve la aliaj bienoj de PORTOS estis damaĝitaj, prirabitaj aŭ incendiitaj.
Kvar membroj de tiu organizo, i.a. du junulinoj, estas nuntempe enkarcerigitaj, kaj dek aliaj estas serĉataj. Kiam oni vidas la akuzojn ("kreo de armita neleĝa bando", "forraboj") kaj la antaŭviditajn punojn (ĝis dudek jaroj de enkarcerigo) oni povas kredi ke temas pri moneltrudantoj. Post esplorpridemandoj unu el la junulinoj estis en tiel malbona stato ke necesis voki ambulancon. Ŝi klarigis al sia advokato ke oni metis kaskon sur ŝian kapon kaj oni frapis sur ĝin per la klabo.

(1) Ni notu ke "Courrier International" aperigas tradukojn de tekstoj presitaj en pli ol 40 naciaj revuoj, kaj ke ĝi estis ĵus aĉetita de la gazeto "Le Monde". Ni tradukis la parton de tiu artikolo kiu aludas pri la kazo de niaj arestitaj kamaradoj en Moskvo . (NDLR)

## Malfeliĉa sorto de la "Feliĉuloj"

Kvar homoj el la unuiĝo "Teorio de Feliĉo" - esperantistoj, membroj de SAT kaj PREM (kaj pasintjare ankaŭ de REU) - arestitaj la 7-an de decembro 2000 (Davydov, Derguzova, Lomakina kaj Privalov), plu restas en prizono. Nur en marto ili sukcesis renkontiĝi kun siaj advokatoj, sed eĉ ĝis nun la advokatoj ne vidis ĉiujn materialojn de la esploristoj. Fakte, la kaŭzo de tiu, cetere kontraŭleĝa, "sekreteco" povas esti nur sekvo de manko de realaj pruvoj pri iuj krimoj. Ĵus la prokuroro plilongigis la periodon de esplorado ankoraŭ por tri monatoj - ĝis la 8-a de septembro. Ankoraŭ dek personoj estas "serĉataj".
Koncerne la akuzojn, ili nur en aprilo ja ricevis listojn de la artikoloj de la Kriminala kodo, pri kiuj ili estas akuzataj: Jurij Davydov ricevis "bukedon" el 9 artikoloj, aliaj - de 6-8, kiuj sume "pezas" punon ĝis 20 jaroj en prizono. Kaj oni diris al la advokato de Davydov, ke ili provos aldoni ankoraŭ kelkajn artikolojn. Ankaŭ tiaj "bukedoj" estas malnova praktiko por procesoj bazitaj sur falsitaj akuzoj: se plejparto de akuzoj antaŭ tribunalo fine forfalos pro tuta pruvmaleblo, io tamen havos ŝancon resti. Krome, la esploristo preparas ankoraŭ unu vojon por defensivo kun tamena reprezalio: proklami ĉiujn akuzatojn frenezuloj! Por tio ĉiuj kvar arestitaj estas direktataj al dummonata "psikiatria ekspertizo" - la antaŭe okazinta rapida ekspertizo,

konstatinta normalecon de ĉiuj, ne kontentigis la esploriston.
Daŭre aperadas kalumniaj materialoj en la gazetaro. La 31-an de majo aperis artikolo pri la "feliĉuloj" sur la unua paĝo de la ĉefa registara ĵurnalo "Rossijskaja gazeta". Ĝin akompanas "atesto" de iu knabo, kiu loĝis en ilia komunumo, kaj kiu de tiu terure suferis. La kvalito de tiu ĵurnalisma malkovro montras ke homo kun tiu nomo, kaj devenanta el tiu urbo, neniam ekzistis!
Esplorado en ĵurnalista asocio, okupiĝanta pri libereco de la gazetaro, trovis mendintojn de almenaŭ du tiaj artikoloj (en ĵurnaloj "Versija" kaj saranska "Stolica S"). Ilin pagis la nova junulara asocio "Irantoj kune", kiun antaŭnelonge kreisranguloj el la Prezidenta Administraro, kaj kies membroj organizas en Moskvo mitingojn por subteni la prezidentan politikon. La popolo nomas ilin "Putinjugend". La akuzoj kontraŭ niaj "feliĉuloj" kaj similaj aliaj "marĝenaj" junularaj unuiĝoj devas verŝajne montri al la junularo: aliĝu al tiuj organizoj, kiujn la registaro deziras, aliokaze vin neniu defendos.
La solaj organizoj, kiuj provas defendi ilin, estas homrajtdefendaj societoj. La 5-an de junio pri tio Fondaĵo "Glasnost" aranĝis gazetaran konferencon, kiun ĉeestis pluraj ĵurnalistoj el diversaj gazetoj kaj televido. Tie temis ne nur pri "Teorio de feliĉo", sed ankaŭ pri "Naci-bolŝevista partio", kies gvidanto, famega verkisto Eduard Limonov, nun troviĝas en prizono pro evidente falsaj akuzoj, pri "komsomolanoj", unu el kies gvidanto Andrej Sokolov, estas malgraŭ advokata pruvo pri plena senkulpeco akuzita por 5,5 jaroj de prizono pro falsita krimakuzo, gvidanto de societo de junaj paganoj, Ruslan Voroncov, kiun mirakle savis de simila verdikto absolute klara alibio...
Bedaŭrinde, nur du ĵurnaloj aŭdacis publikigi objektivajn informojn pri ĉio sur siaj paĝoj, televido eĉ la plej kurtan informon pri la gazetara konferenco ne montris.
Sciante la sorton de plejparto de similaj akuzitoj, atendi objektivecon de la juĝistoj (aŭ "psikiatroj") kaze de niaj amikoj apenaŭ eblas.

Nikolao Gudskov

---

## 74-a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda

Nagykanizsa, 20 Julio 2001

Al Ambasadoro de Rusia Federacio en Hungario

Altestimata sinjoro Ambasadoro !

Nia organizo SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda) estas asocio, kiu arigas laboristojn el ĉiuj landoj, uzantajn la internacian lingvon Esperanto. De la 14-a ĝis la 20-a de julio 2001 nia Kongreso okazis en la hungara urbo Nagykanizsa.

Dum nia Kongreso ni studis, interalie, la situacion de kvar niaj membroj en Moskvo (Jurij Davydov, Irina Derguzova, Tatjana Lomakina kaj Jevgenij Privalov), arestitaj apud Moskvo (vilaĝo Moshkovo de Luberça distrikto). Ili apartenas al organizo PORTOS (Poeziigita Unuiĝo por Prilaboro de la Teorio de Komuna Feliĉo), eldonantaj gazeton "Teorio de Feliĉo", kaj iliaj agadoj estas krei kamparajn kaj industri-produktajn komunumojn, helpi handikapulojn, militveteranojn, eduki forlasitajn infanojn, forigi el la vivo alkoholon, drogojn kaj tabakon, verki poemojn, muziki, sporti kaj ankaŭ praktiki Esperanton.

Laŭ preteksto de malbonaj traktadoj, la 7-an de decembro 2000, la polica taĉmento invadis la labor- kaj loĝbazejon de la organizo, detruis la instalaĵojn kaj arestis kvar niajn kamaradojn.

De tiu momento jam dum pli ol 7 monatoj ili atendas en karcero finon de la esplorado kaj aperon de la akuza konkludo, sed iuj definitivaj akuzoj ĝis nun ne aperis, kvankam laŭ nia scio ilin minacas tre gravaj punoj pro neekzistantaj deliktoj.

Pri tiuj eventoj ni estas informitaj, interalie, per la artikoloj, aperintaj en diversaj gazetoj, i.a. en "Obschaja Gazeta" (7-13 Junio 2001, n-ro 23 (409)) kaj en "Courrier International" (21-a de Junio 2001).

Ni skribas al vi nun por ke vi transdonu nian viglan postulon al la Ĝenerala Prokuroro de Rusia Federacio kiel eble plej rapide solvi la situacion, fini la jam dufoje plilongigitan esploradon kaj liberigi niajn kamaradojn el la provizora karcero.

Atendante la favoran solvon de la afero, ni sendas al vi niajn plej sincerajn salutojn.

Prezidanto de la Plenumkomitato de SAT :

# POST ĜENOVO, KION ?

La 74-a SAT-kongreso dediĉis du horojn da debatoj ĉirkaŭ la nocio "TUTMONDIĜO" (vidu apartan protokolon en la Oktobra numero de Sennaciulo). Dum tiuj du horoj la partoprenantoj studis teorie tiun nocion, kaj dum la venonta semajnfino, en ĜENOVO, tiu nocio trovis praktike diversajn "aplikojn". Kadre de la necesa diskuto inter la SAT-membraro kaj transe en la tuta esperanto-movado, mi provas prezenti honestan sed iom partiecan (kiel eviti tion ?) sintezon danke al informoj kaj komentoj kiuj aperis en jenaj gazetoj:

- La Repubblica (itala, centro-maldekstra)
- Corriere della sera (itala, centro-dekstra)
- Le Monde (franca, demokrat-kristana)
- Le Figaro (franca, dekstra)
- The Guardian (brita, centro-maldekstra)
- Financial Times (brita, liberala)

## LA EVENTOJ

Unu monaton antaŭ la supro de Ĝenovo, CONDOLEEZZA RICE, konsilantino de G.W. BUSH por la nacia sekureco sendis tekston al la gazetaro, en kiu oni povis legi :"....oni konfesas pli kaj pli ke eblas progresi nur per la malfermo de la ekonomio... Pli kaj pli da nacioj komprenas ke tio estas fundamenta dinamiko de la mondiĝo. Pro tio ili elektas la liberecon kaj la malfermon de siaj komercaj interŝanĝoj kaj de siaj politikaj sistemoj. Tiele, pli ol iam, oni vivos en demokratio". ("Le Monde", 10.06.2001).

Tiu teksto aperis en multaj gazetoj, ĉar ĝi preparis la venon de G.W. Bush al la supro de Gotenburgo. Sub la ŝajna neŭtraleco de diplomata lingvaĵo, oni bonege perceptas ke ĉiuj frazoj estas himno al la plej sovaĝa liberalismo (ĉu pleonasmo?), himno al la leĝo de la ĝangalo, himno al la principo de la "libera vulpo en libera kokejo".



*Sangaj bataloj en la stratoj de Ĝenovo*

Post tiu militdeklaro, kaj koincide kun ĝi, okazis la eventoj de Gotenburgo (karakterizitaj de fiagoj de la sveda polico) kaj tiuj de Ĝenovo. Kvankam ili estis tre konigitaj, ne estas senutile memorigi kelkajn erojn kiuj okazis en tiu lasta urbo.

Unue oni povis konstati ke, kiel ni analizis tion en la forumo en Nagykanizsa, tie diversaj grupoj manifestaciis : la reformista grupo (la plej grava kun 'klasikaj' sindikatoj, partioj kun neregistaraj organizoj), la radikala grupo (kun revoluciaj sindikatoj kaj avangardemaj organizoj) kaj senvizaĝa grupo kiu uzis fizikan perforton. Do kion oni povas ne batali tiu lasta grupo? Ĉiuj kritikas ĝin, sed kiuj estas la celoj de personoj kiuj agas kun kapsakoj sen iu ajn programo? Kial ne batali perforte, sed nur kun videbla vizaĝo? «Plie kion oni devas konjekti pri la fakto ke... akumuliĝas atestoj kaj bildoj, i.a. tiu foto, kiu montras kvar virojn vestitaj kiel "rompistoj", kun bastonego en mano, interne de iu Kazerno de karabenistoj» (Le Monde, 24.07.2001). Tiu sinteno estis konfirmita dum la eventoj, ĉe la TV-kanalo RAI-DUE, de Vittorio AGNOLETTO, prezidanto de la GENOA SOCIAL FORUM, kiu indikis ke li vidis plurfoje membrojn de la t.n. BLACK-BLOCK kiu diskutis trankvile kun policanoj. Kion oni povas pensi pri la fakto ke, la unuan tagon, dum ducent mil personoj manifestaciis centre de la urbo, la Black-Block-anoj rompis



*Juna aktivulo, Carlo Giuliani estis mortigita*

vitrinojn, ktp, en aparta kvartalo sen reago de la polico... Multaj observantoj memoras pri la "strategio de la streĉiteco" uzata dum la 70-aj jaroj de la ekstremdekstruloj en Italio, kaj indikas sian surprizon pri la fakto ke Giancarlo FINI (prezidanto de "Alianza Nazionale" - neofaŝista partio), nuntempe vicunua ministro, estis en la sidejo de la polico.

## LA HEROAĴOJ DE LA ITALA POLICO

Ni ne povas prisilenti la plej gravajn agojn de la itala polico (aŭ de parto de ĝi). La plej grava estas evidente la murdo de Carlo GIULIANI. Lia patro deklaris: "Mi ne malsubtenas la geston de mia filo" ("Corriere della Sera"- 28.07.2001). Sed kion pensi pri la nokta atako de la lernejo "Armando Diaz" kun dekoj da vunditoj? Antaŭ la invado fare de la policanoj, la polica sidejo lanĉis tiun alvokon: "Sendu al ni kontingenton, oni ilin masakros", kaj la policprefektejo, ankaŭ antaŭ la invado, petis la sendon de pluraj ambulancoj. (Le Monde, 08.08.2001). En la sama artikolo oni povas legi la ĉi-suban paragrafon: "La atestoj daŭre montras ŝarĝan bildon de la eventoj en la kazerno Bolzaneto kie estis kondukitaj la arestitoj antaŭ ilia sendo al prizono. Temas pri veraj rakontoj pri "torturo". La juĝistaro respondeca pri la enketo mem uzas tiun tabuan vorton. Kiel difini alimaniere dekojn da atestoj de personoj devigataj resti starantaj dum dekkvin horoj, la

klabbatojn sur la piedplandoj por ne lasi spurojn, la kapojn frapitajn kontraŭ la muroj, la insultojn, la minacojn de seksperfortoj, la devigojn kanti aŭ hurli faŝistajn kantojn kaj sloganojn".

Tiu polica sinteno vekis tutmondan indignon kaj gravan politikan krizon en Italio. Sed s-ro Berlusconi tre hezitas puni la respondeculojn.



*Mortigita junulo apud la aŭtomobilo de karabenistoj*

## KAJ DUM LA SUPRO MEM ?

Tiuj kunvenegoj ĝenerale aspektas kiel montoj kiuj naskas musojn. Same en Ĝenovo. La ŝtatestroj fanfaronis pri granda helpo por lukti kontraŭ la AIDESO-n en la afrikaj landoj. La kreota fonduso prenos la monon en jam ekzistantaj fondusoj... ("La Repubblica" - 21.07.2001 kaj "Financial Times" - 23.07.2001).

Kial tiom da personoj koleras pri tiuj kunvenegoj? "The Guardian" (23.07.2001) respondas: "Oni povas komuniki nun sen elspezi 25 milionojn da dolaroj por ĉiu monda "lidero" por iu kolokvo organizita nome de la milito kontraŭ la malriĉeco".

Multege da diversaj gazetoj ("Daily Telegraph", "Times", "El Pais", "Le Soir", "Libération", k.a.) akre kritikas tiujn suprojn, kaj iliajn nulajn rezultojn, escepte la kreon de kontraŭ-mondiĝa opinio. Eĉ la konservativa gazeto "Le Figaro", dediĉante artikolon pri la vespermanĝo kiu arigis la "grandulojn" kaj ŝtatestrojn de Afriko, Azio, kaj Sud-Ameriko, titolas la artikolon: "La riĉuloj invitas la malriĉulojn ĉetable" (21.07.2001).

Kaj por fini tiun paragrafon, mi lasos la parolon al iu junulo kiu, en kelkaj frazoj, resumas la sentojn de la tri grupoj kiuj manifestaciis en Ĝenovo, en la paĝo "Kuriero de la legantoj" de "Le Monde" (05.08.2001) titolita: "La alia perforto".

"Mi estas dudekkvar-jara kaj de du jaroj mi aktivas kontraŭ la socie malkonstruiga tutmondiĝo (mi estis en Millau, Montpellier(1) ). Mi manifestaciis en Ĝenovo...

... Mi ne opinias ke oni eraras kiam oni celas la kunvenojn de deciduloj kiuj distilas almozon al landoj kiujn ili ekspluataĉas kaj kies riĉaĵojn ili rabas. Plie mi ne opinias ke oni eraras pri metodo lasante "minoritaton de anarkiistoj krei taĉmentojn de rompistoj kaj tiel devojigi la bildon de la movado"(2).

Mi manifestaciis dufoje kun la Black-block-anoj.. Mi ne diras ke oni devas ilin subteni sed simple konsideri ilin kiel neapartaj manifestantoj, antaŭ ilin stigmatizi. Mi opinias ke ilia perforto estas malgrandega kompare tiun de la multnaciaj kompanioj kiuj ekspluatas la infanojn aŭ kiuj maldungas laboristojn cele la ĉiaman pligrandigon de siaj profitoj". (Camille Comte).

## KELKAJ OPINIOJ

Aŭ kelkaj ne-opinioj. Oni povas konstati ke la social-demokrataj partioj kaj la reformistaj sindikatoj bonege silentis pri Ĝenovo. Aŭ timeme, prudente, ne kondamnis kaj ne aprobis ion ajn, car tiuj organizoj ne scias kion fari, kion pensi kiam gravaj politikaj eventoj okazas ekster la kutimaj tradicioj.

Kompreneble, la ĉampionoj de la liberalismo provis momente silenti. Unu el tiuj intelektuloj ekreagis la 17-an de aŭgusto en Le Monde:

"... La kontestantoj proponas neniun kontraŭteorion: ili diris nur ne al la sistemo, profitante ĝiajn bofarojn(3). La kapitalismo estas maŝino kiu fabrikas efikon kaj malegalecon. Kiam ĝi funkcias plene, kiel nun, ĝi fabrikas ankoraŭ pli da efiko kaj pli da malegaleco. Tiel la bona batalo ne estas nei ĝin kiel maŝino kiu produktas riĉaĵojn, sed lukti por plibonigi la socian justecon en la malricaj landoj"(4) (Alain Minc)

## KAJ LA SEKVO

En pluraj landoj (Britio, Germanio, Francio, Hispanio, ktp), ĉu individuoj, ĉu asocioj decidis procesi kontraŭ la itala registaro. Interalie en Francio kreiĝis Unuigita kolektivo kontraŭ la subpremo. Ĝi konsistas el la "Ligo pri homaj rajtoj", sindikatoj (Kampara Konfederacio, CNT, SUD, FSU), asocioj (Attac, Rajtoj por loĝado), politikaj partioj (verduloj, Komunista partio, Federacio anarkiista, k.a.).

La internaciaj instancoj ne plu scias kiel kaj kie organizi siajn kunvenojn. (La kontraŭmondigistoj proponas : "ili povas kongresi nur sur la luno!").

La kunveno de la Monda Banko en Vaŝingtono en septembro daŭros nur du tagojn. La Monda Komerca Organizo okazigos sian kunvenon en novembro en Kataro. En tiu lando oni povas antaŭvidi ke ne estos kontesto. La preparo de tiu kunveno ne funkcias glate pro opinioj diversaj inter la ŝtatoj. Tiuokaze la ĝenerala sekretario de M.K.O., la novzelanda Mike Moore deklaris: "La monda ekonomio montras kelkajn malfortaĵojn, kaj pli granda liberigo de la interŝanĝoj estus efika kuracilo, iu bona signalo por la merkatoj". Kia konfeso! ("Interfrance Media", 26.07.2001). S-ro Berlusconi deziregas ke la supro de FAO (Organizo por malsato kaj agrikulturo) ne plu okazu en Romo. ("Le Monde", 07.08.2001).

Pri la eventuala partopreno de SAT kaj SAT-anoj al tiuj novaj formoj de monda protesto oni legu en la Gvidrezolucio.

Kiel konkludo, mi proponas la sekvan frazon, verkitan de Maude Barlow, kiu estas parto de artikolo aperinta sub titolo: "GATS(5) - THE LAST FRONTIER OF GLOBALIZATION (GATS - la lasta limo de la tutmondiĝo) en la revuo "The Ecologist", Februaro 2001) :

" Ni sciu ke niaj registaroj ne aŭskultas nin ĉar ni havas bonajn argumentojn, sed ĉar ni havas politikajn muskolojn".

IVO PEYRAUT

(1) En Millau okazis manifestacio (malmuntado) kontraŭ la restoracio "Mac'Donalds", kaj sekvis proceso de Montpellier.
(2) Tion skribis "Le Monde" , 22.07.2001.
(3) Oni ne povas esti pli hipokrita : tiu verkisto kapablas aŭdi neniun vorton diritan de ducent mil manifesaciantoj. Eble manifestaciis nur mutaj kretenoj.
(4) A. MINC proponas al ni la malnovan kanzonon de la "kapitalismo kun homa vizaĝo", kaj en Ĝenovo (kaj aliaj lokoj) estis proponita la forigo de la kapitalismo. Jen surdula dialogo.
(5) GATS = The General Agreement on Trade and Services (Ĝenerala interkonto pri komerco kaj servoj).

## El la SAT-sidejo

67 avenue Gambetta,
FR-75020 Paris
Tel: +33.1.47.97.87.05,
Fax: +33. 1.47.97.71.90
Rete: satesper@noos.fr

## FONDUSO POR NOVA P.I.V.

Kiel vi jam estas informitaj, la laboro pri Nova PIV bone evoluas kaj ni esperas ke en la jaro 2001 ni povos eldoni ĝin. Ĝi devus esti tute renovigita, ĝisdatigita kaj vere ilustrita, t.s. ke la ilustroj estos enkorpigitaj en la teksto mem.-
La eldonkosto de tiu nova ĉefverko de nia lingvo estos tre alta kaj pro tio ni decidis malfermi Fonduson por la eldono de tiu nova PIV.-Ĉiu esperantisto kiu deziras helpi en tiu entrepreno povas sendi monon al tiu fonduso.-La nomoj de kontribuantoj kaj sumoj regule aperos en Sennaciulo.-Se iu ne deziras ke lia/ŝia nomo aperu en tiu listo, ĝi aperos anonime.-La monon bonvolu sendi al la poŝtkonto de SAT :
n° 1234-22 K, Paris (en Francio)
n°-30041-00001-0123422K-020-39 (el eksterlando)
kun indiko "Por la Fonduso de Nova PIV".
Ni anticipe dankas al ĉiuj kontribuantoj.-

La P.K.-de SAT

## FINIĜIS ANTAŬPAGO POR NOVA P.I.V.

Dum la kongreso en Nagykanizsa, SAT decidis fini la antaŭpagperiodon kun rabatita prezo por la nova PIV. Ekde ĝia apero oni povos aĉeti ĝin laŭ la normala vendoprezo. La definitiva vendoprezo kaj la aperdato de la nova PIV estos anoncitaj en la reto kaj en E-gazetaro.

## NEKROLOGO

Ni ĵus eksciis ke jam la 17-an de novembro 2000 mortis en Roterdamo (NL) nia malnova membro, kamaradino

**A. COPPENS-BLINK**
**(matr. 32.176)**

Ni kondolencas al familianoj kaj geamikoj.

*****

En Bry-sur-Marne, forpasis la 24.06.2001, 90-jara, unu plia fidela membro kaj aktivulo de nia asocio, k-do

**Lucien UZE**
**(matr. 20.687)**

K-do Uzé dum longaj jaroj helpadis en la SAT-oficejo, ĉefe pri la ekspedo de Sennaciulo kaj SAT-Amikaro. Li kun sia edzino multe helpis al via redaktoro, dum ties unuaj jaroj en Francio. Fidela al siaj ideoj, k-do Lucien donacis sian korpon al la scienco. Ni sincere kondolencas al lia edzino, nia kamaradino Jacqueline kaj aliaj familianoj.

## Novaliĝoj

35.499 Silva de Queiroz Sergio, Rua 66, n° 120 - Conj. Carlos Jereissate, BR-61900-000 Maracanau, CE, Brazilio
35.500 Sneddon Al, 3 Dromore Terrace, Warrenpoint, Co. Down, BT34 3JQ, Irlando
35. 501 Hispana kamarado
35.502 Feldman Gonzaléz Rubén, Avenida Islas fiji #46, Col. Santa Monica, Mexicali-BCN-21339, Meksikio
35.503 Miŝkoviĉ Ljubomir, Vladimira Tomanoviĉa 4, YU-11000 Beograd, Jugoslavio
35.504 *Neŝiĉ Mirijana, Bulevar Lenjina 199, YU-11070 Beograd, Jugoslavio
35.505 *Montesinos Ana, 82 Waterford Rd. London, Britio
35.506 *Hoek v.d., Luc, Narcisplantsoen 52, NL-2015 AK, Haarlem, Nederlando
35.507 Hoeijenbos Kees, Narcisplantsoen 52, NL-2015 AK, Haarlem, Nederlando




ESPERANTO
SENNACIECA LINGVO

67, avenue Gambetta
FR-75020 PARIS
Telefono: Francio 01.47.97.87.05
Eksterl. +33.1.47.97.87.05
Telekopiilo: Francio 01.47.97.71.90
Eksterl. +33.1.47.97.71.90
Retadreso: satesper@noos.fr
Adr.TTT : http://www.multimania.com/satesperanto
ICQ: 27485962

Poŝtkonto: n° 1234-22 K, Paris
Interbanka numero: 30041-00001-0123422K-020-39
N° SIRET(AVI) : FR8478480975800013
Code APE : 913 E

Parizo, 2001.08.20

Ref.: YP/KB

Al
LA PAKTO POR LA ESPERANTO-CIVITO
C.P. 28
CH-2301 La Chaux-de-Fonds

Estimataj Gesamideanoj,

En Sabloneto, Krešimir Barkovič, Ĝenerala sekretario de SAT, promesis nome de la Plenum-Komitato de SAT, submeti al nia 74-a Kongreso en Nagykanizsa, proponon de aliĝo al la Pakto por la Esperanto-Civito de nia organizo.

La 18-an de Julio 2001, dum nia matena kunsido, la kongresanoj voĉdonis (post debato) pri la jenaj proponoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| Aliĝo de SAT al la Pakto : | por 0 | kontraŭ 44 | sindetenoj 3 |
| Aliĝo de Sennaciulo al la Pakto : | por 0 | kontraŭ 46 | sindetenoj 6 |
| Aliĝo de Sennacieca Revuo : | por 3 | kontraŭ 34 | sindetenoj 15 |

La debatoj antaŭ la voĉdono montris, ke la kongresanoj ĉefe timis, ke SAT perdos sian sendependecon.
La partoprenintoj ricevis informojn pri la Pakto pri kiuj ili ne sufiĉe sciis.
Ili ankaŭ sugestis al la Pakto revizii ĝiajn regulojn, por ke individuaj aliĝoj estu eblaj (sen pero de iu organizo).
Ili unuanime akceptis daŭrigon de amikaj rilatoj inter niaj du strukturoj.

Sennaciece via,

por la SAT-kongresanoj
Nikolao Gudskov, tagprezidanto

Ni atentigas niajn gekamaradojn ke ekde la 1-a de januaro 2002 la sola valuto uzata en la landoj de la Eŭropa Komunumo estos eŭro (€).
Jam ekde nun ni indikas niajn prezojn kaj kotiztarifojn en eŭroj.
Bonvolu atenti pri tio kaj ne erari kiam vi pagas ion. Por pago en eŭroj necesas apartaj bank aŭ poŝtĉekoj.